8-a jaro. — N-ro 12 (94) Dec. 1922.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Beerstraat, 45
ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : Fr. 10.—

ANTVERPENO
1922

# Belga Ligo Esperantista

## Ĉiujara Kotizaĵo
(Jaarlijksche bijdrage — Cotisation annuelle) :

Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires) fr. 5.—
Ordinaraj membroj kun abono de «Belga Esperantisto» fr. 10.—
Protektantaj membroj (Besch. leden — Membres protecteurs) fr. 25.—
Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners — membr. bienf.) fr. 50.—

---

HONORA KOMITATO:

Prezidanto: Princo LEOPOLDO DE BELGUJO, Duko de Brabant.
Prezidinto: Generalo Grafo LEMAN.
Membroj: S-roj BERNIER, Skabeno, St. Gilles.
BRAUN, antaŭa urbestro Gent.
CH DESSAIN, Urbestro de Mechelen.
F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
DEVREUX, Urbestro, Charleroi.
DEWANDRE, Skabeno de la Publika Instruado, Charleroi.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antwerpen.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. MAERTENS, Prezidanto de «Banque de Flandre», Gent.
PASTUR, Konstanta deputato de la Provinco, Marcinelle.
B-no RUZETTE - VAN CALOEN DE BASSEGHEM, ministro de Terkulturo.
LEON SCHEERDERS, industriisto, St. Nicolaas (Waes).
J. SCHRAMME, advokato, Brugge.
J. SPINHAYER, antaŭa, Urbestro, Verviers.
D-ro R. VAN MELCKEBEKE, hemiisto, Antwerpen.
VERDONCK, Urbestro, Gentbrugge.

---

## Oficiala Organo de la Ligo
# " BELGA ESPERANTISTO „

Redakta Komitato:
S-roj COGEN, PAROTTE, PETIAU, SCHOOFS, VAN SCHOOR, WITTERYCK.

Jara Abonprezo: Belglando Fr. 10. — (specialaj kondiĉoj por Grupoj)
Eksterlando : Fr. 12.—.

| Anoncoj: | 12 numeroj. | 6 numeroj. | 3 numeroj. | 1 numero. |
|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo : | Fr. 200.— | 105.— | 60.— | 30.— |
| 1/2 paĝo : | Fr. 105.— | 55.— | 35.— | 20.— |
| 1/3 paĝo : | Fr. 70.— | 40.— | 25.— | 15.— |
| 1/4 paĝo : | Fr. 55.— | 35.— | 20.— | 12.50 |
| 1/8 paĝo : | Fr. 30.— | 20.— | 15.— | 10.— |

Verdaj kovrilpaĝaj : samaj prezoj + 150 0/0.

8a Jaro Dec. 1922 N° 12

BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto: FRANS SCHOOFS, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen | Abonoj kaj Monsendoj FERN. MATHIEUX, 15, Avenue Bel-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# Antaŭ la Nova Jaro

Estas kutimo ke, antaŭ la komenco de ĉiu nova jaro, la redakcio de gazeto alparolu siajn legantojn kaj abonantojn por rerigardi la pasintan dekdumonatan tempospacon, kaj por dismeti programon ellaborotan dum la sekvontaj kvindek du semajnoj.

Ni intencas uzi ne multajn vortojn, por ke nia alparolo estu pli bone komprenebla, kaj pro tio ni ne vojaĝos kun la legantaro en la regnon de la revoj, sed okupos nin nur per du aŭ tri faktoj.

Kio estis la programo je la komenco de la nuna jaro? Ni trovas ĝin en la redakcia artikolo en la N° de nov.-dec. 1921 kaj en la letero de nia Prezidanto Witteryck presita sur la N° jan.-feb. 1922, kiuj estas jene resumeblaj: «Por ke ni povu eldoni ĉiumonate dece ampleksan kajeron, estas necese, ke la belga samideanaro havigu al ni la necesajn rimedojn, tio estas ke, se ĉiu grupo varbas unu paĝon da anoncoj kaj duobligas la nombron de siaj abonantoj, la celo estas atingita.

Ĉu ĉiuj grupoj klopodis por starigi sian organon sur firmaj fundamentoj? Ni diru malkaŝe: NE!

Se kelkaj societoj komprenis la situacion kaj eklaboris, kaj alportis al ni la petitan kunhelpon, ni bedaŭrinde devas konstati, ke la de ili atingita rezultato estis parte neniigita de aliaj grupoj, kiuj ne nur ne pligrandigis sian abonantaron, sed eĉ malpligrandigis ĝin!

Kompreneble ni ne citas nomojn. La gvidantoj de la unuaj ĝuos ja la ĝojon de plenumita devo; tiuj de la aliaj sendube sentos kaj konscios sian respondecon antaŭ la komuna entrepreno, konstruota de ĉiuj liganoj, senescepte kaj unuanime! Ni nur rezervu ĉi tie honorlokon al NE-liga grupo, kiu pli ol duobligis la abonkvanton de la antaŭa jaro, kaj ni nomu la Antverpenan Grupon de Esperantistaj Diamantistoj, kiu aliflanke ne preterlasis siajn moralajn devojn kontraŭ la honorigo de la memoro de nia Majstro kaj kontraŭ la subteno al niaj blindaj samideanoj. (Ni aludas niajn monkolektojn por la Monumento Zamenhof kaj por «Esperanta Ligilo».)

La atingita rezultato ebligis nin eldoni sep kajerojn, anstataŭ ses en 1921, sed ne pligrandigi menciinde la paĝonombron de nia jarkolekto.

La konsciaj geesperantistoj en nia lando kunigu la sep kajerojn, komparu ilin kun aliaj samspecaj organoj el nia tutmonda Gazetaro, kaj tiam diru sincere, ĉu siaflanke la Ligestraro faris sian tutan devon aŭ ne, proporcie al la ĝenerale ricevita apogo.

Konkludo? Ni restas antaŭ la programo, skizita por la finiĝanta jaro. Ĝi restas entute plenumota. Ĝi estis zorge pristudita kaj serioze prezentita nepre neutilas paroli pri novaj projektoj se la antaŭaj ne estas ellaboritaj.

Karaj gesamideanoj,

Ni promesas al vi, ke estonte, kiel estinte, ni ne ŝparos tempon nek penon por progresigi nian aferon en nia lando; sed montru vi ankaŭ ĉiuj per agoj ke vi komprenas nian laboron kaj ke vi deziras efike helpi nin. Nur tiam ni povos iam kune ĝui la finan sukceson de nia movado.

B. E.

**Insista peto al la grupoj :**

Senprokraste varbu abonojn por «Belga Esperantisto» kaj sendu al ni la nomaron de la abonantoj antaŭ la 15a de januaro, por ke ni povu fiksi la nombron da ekzempleroj presotaj de la unua numero de la nova jarkolekto.

**Insista peto al la izolaj abonantoj :**

En ĉi tiu numero vi trovos pagilon por nia poŝtĉekkonto.

Ne atendu por deponi ĝin, kune kun via abonmono por 1923 en la plej proksiman de vi poŝtoficejon.

Ricevu nian antaŭdankon tiuj, kiuj baldaŭ plenumos nian peton.

# La Problemo de Instruado

II

(vidu B. E. Jan. Feb. 1922).

En unua artikolo estis montrite ke metodo de esperantoinstruo devas esti simpla kaj logika, ĉar la lingvo mem tia estas kaj ke rimedo devas esti harmonia kun la celo, por kiu ĝi utilas. Sed tio ne sufiĉas. Niaj kursoj devas ankaŭ esti agrablaj kaj ne senutile malfacilaj.

Ĉu la kondiĉoj postulitaj ne estas kontraŭaj? Tute ne. Ĉar, ĉu vi ne rimarkis ofte kiel io simpla estas ĉarma kaj alloga. Ho, mi ja scias ke nekleruloj multe pli admiras aferon tiel malsimplan, ke ili nenion komprenas de ĝi,ke ili buŝmalfermante ĝin rigardas ekstazigitaj, sed mi ankaŭ scias, ke nur personoj kiuj ne konas aferon, povas ĝin malsimpligi ĝis tiu grado. Kiam oni vere funde enpenetris sciencotemon plej malfacilan, tiu temo etendiĝas antaŭ vi, glata kaj kvieta kiel lago inter montoj. Io konata ĉiam simpla estas. Pensanto eĉ iam diris : « Nur tiam oni konas ion, kiam oni povas ĝin klarigi por pasanto en strato» kaj ĉiu kiu tute studis iun fakon, povas aserti la verecon de tiu diraĵo.

Kaj se tio estas vera por malfacilaĵo kiom pli ĝi estas tia por

afero ĉarme klara kiel la lingvo Esperanto. Efektive, kio estas malagrabla en la lernado de lingvoj? Memoru vian infanaĝon! Petu de kiu ajn lernanto nun ankoraŭ sidanta sur lernejaj benkoj. Sonos la respondo: la gramatiko. Kial ja tiu gramatiko estas la malamiko de ĉiuj instruatoj? Evidente pro ĝia senreguleco, ĉar oni ĝin lernas memore, kiel oni lernas desegni la formon de landlimoj, sen scii kion, kiel aŭ kial.

Do tion ni devus eviti je ĉiu prezo. Estus bone, ke ĉiu, instruanta pri nia lingvo, metu flanke de iu regulo, kiun ĝi instruas la ĉiam saman vorton: kial? Estas necese ke niaj kursoj ne estu nur rediro de tio kion oni trovas en ĉiuj lernolibroj : aron da reguloj, sed ke ili klarigu: « Tial estas tiu regulo kaj ne alia, tial ĝi estas tiel kaj ne alimaniere ». Esperantokurso ne povas esti memorstudado, sed rezonoda pri ĉiu punkto renkontita. La memoro devas en ĝi ludi rolon tiel malgravan, ke sufiĉas la ĉiusemajna kurshoro por ĝi. Ni efektive ne forgesu ke estas inter niaj lernantoj personoj, kiuj ekster tiu horo malmulte laboras pri nia lingvo, kaj ke ili estas perditaj se ni postulas memorlernadon. Male, rezono farita du aŭ trifoje kaj bazita sur pura logiko restos engravurita en ĉiu normala spirito, kaj ni ne devos peti ke niaj gelernantoj sekvu nin, ni devigos ilin sekvi la fadenon de nia rezono sen eĉ ke ili sentos la premon.

Estas evidente ekster ĉiu diskuto ke lingvo enhavas parton memoran, sed mi tamen permesos al mi rimarkigi ke estas nur per uzado ke oni povas ĝin ekposedi. Ekzemple : Mi deziras instrui la uzadon de la vorteto «da». Mi povas diri al la gelernantoj : la prepozicio DA estas uzata post vortoj kiuj parolas pri kvanto; mezuro; parto; nombro; grupo; kolekto; — kvazaŭ mezuro, parto, nombro, grupo kaj kolekto ankaŭ ne estus kvanto! — De du eblaĵoj unu; aŭ mia lernanto estos bona knabo, kiu faros por mi kiel por sia instruisto kaj lernos memore la donitan regulon; aŭ li estos laborulo, li estos plenaĝulo kaj familiestro, li ne studos, kaj li nenion scios pri « da ».

Alia metodo: « Ha, vi petas kial oni uzas DA en tiu-ĉi frazo. Jen. Kio estas litro da vino? Ĝi estas vino. Ĉu litro da vino estas litro? — Ne, Sinjoro, litro de vino. Mi metigas la litron da vino en botelon kaj mi portas ĝin al mia tablo. Mi havas sur mia tablo litron da vino en botelo. Mi verŝas la litron da vino en glasojn kaj ni eltrinkas ĝin. Kiel vi rimarkis, la litro da vino fariĝis sinsekve botelo da vino, glasoj da vino kaj simple vino en nia stomako. Vi do bone vidas, ke mi ne parolis pri la objekto, la mezurilo, kiun ni nomas litro, sed pri la vino, kiun tiu litro povas enhavi. Se mi parolas pri la mezurilo kiun mi uzas por mezuri vinon, mi nomas ĝin vinlitro: vi ja scias ke vinlitro estas litro ».

Kiam mi unu semajnon poste petos kio estas glaso da akvo, la knabo kiu estas studinta sian lecionon, kaj la laborulo, kies okupoj estis pli gravaj respondas al mi: glaso da akvo estas akvo, akvoglaso estas glaso. » Ni konstatos ke la nura bildo kreita en la cerbo de niaj geaŭskultantoj pli efikis ol ses abstraktaj ideoj. Tiel la memoro fariĝas ilustraĵo en la rezonado, kaj nia kurso « rezonado ilustrita ».

Ni povas, por akiri pli grandan rapidecon dum postaj klarigoj, doni je la komenco de kurso la gramatikon laŭ Fundamento de Esperanto, esceptante tamen aĵojn kiel akuzativo, ne rekta komplemento, uzo de DA, kaj aliaj, kiujn ni konsideros kiel « orumotaj piloloj ». Sur tiu bazo ni konstruos la tutan kurson, vortformado kaj specialaĵoj, nur per esperantaj frazoj, io, kio plue evitas la malfacilaĵon de dulingvaj presaĵoj, kie kursoj en ambaŭ lingvoj devas ekzisti.

PROGRESANO.

# Belga Ligo Esperantista

**PROJEKTO DE RAPORTO PRI LA KUNVENO DE LA LIGA KOMITATO OKAZINTA EN BRUSELO LA 19an DE NOVEMBRO 1922.**

La kunsido malfermiĝis je la 10 1/2a, sub la prezidanteco de Sro. L. Cogen, Vicprezidanto, anstataŭante Sron Witteryck malhelpita.

ĈEESTIS : Sroj Cogen, Champy, vicprezidantoj; Petiau, Ĝenerala Sekretario; Mathieux, Kasisto; Schoofs, Direktoro de la ĵurnalo; Babilon, Komitatano; Jaumotte, Karnas (Verda Stelo); Jacobs (Suda Lumo); S-ro Schoofs (Esperantista junularo de Antverpeno); Finoj Jennen, (Brusela Federacio); Sroj Vandevelde, (Genta Grupo); Roels (Durma Stelo, Lokeren); Baesens (Mehlena Grupo); De Bosschere (St. Nikolao); Desonay (Spa); Pirnay (Verviers) grupaj delegitoj.

La grupoj el Boom, Bruĝo, Charleroi, Gentbrugge, Ledeberg kaj Lieĝo ne sendis delegitojn. Ĉiuj petis senkulpigon krom Boom kaj Gentbrugge.

**(Estas dezirinde ke la grupaj delegitoj, kiuj ne povas ĉeesti la komitatajn kunvenojn, anstataŭigu sin!)**

TAGORDO. :

1. **Akcepto de nova grupo.** — Nova grupo «La Durma Stelo» el Lokeren, Orienta Flandrujo, estis aklame akceptata.
2. **Financa Situacio de la Ligo.**
3. **Financa kunhelpo al la Centra Organismo.**
4. **Budĝeto de « Belga Esperantisto».**

Ĉar tiuj tri demandoj estas kunligataj, Sro Mathieux, Kasisto, prilaboris ilin laŭ la sekvanta raporteto; sed, antaŭe, li anoncis la bonan novaĵon ke Sro Scheerders, la malavara Honora Prezidanto de la grupo el St. Nikolao, ĵus donacis al la Liga kaso sumon da 250 frj. Sro Mathieux sendos dankleteron al Sro Scheerders, kiu, pro la grandaj servoj jam de li faritaj; estis aklame nomita Honora Membro de la Ligo.

« Kiel lastan jaron, la bilanco, fine de 1922, ne estas malfavora, sed ĝi montras malfortan budĝeton, tute ne sufiĉa por ebligi la plenumon de la propaganda programo.

« La nombro de la Liganoj, ĉu izolitaj, ĉu grupiĝintaj, estas absolute tro malgranda, kaj ne rilatas kun la nombro de la Belgaj samideanoj.

| « Jen ciferoj : | 1922 | 1921 |
|---|---|---|
| Izolitaj membroj : Kotizaĵoj | **35,00** | **20,00** |
| Grupoj : Kotizaĵoj : | **320,50** | **280,00** |
| Donacoj : | **36,00** | **150,00** |
| Eldonaĵoj : | **307,00** | **600,00** |

« Kun bedaŭro ni devas konstati ke la vendado de la eldonaĵoj de la Ligo nur atingis la duonon de la lasta jaro.

« La eldono de «Esperanto-Film» estas la nura elspezo por propaganda celo kiun la Ligo povis fari. «E. F.» estas bonega propagandilo, kaj estus dezirinde, ke la Grupoj mendu ĝin po grandaj kvantoj, por disdoni aŭ eĉ disvendi. Abonoj al E. F. po 1 fr. jare estas tre facile varbeblaj.

«B. E.» estas en sama situacio kiel la Ligo :

Dum 1922 ĝi aperis 7 fojojn, anstataŭ 6, lastan jaron. Pro tiu nura plia numero, la enspezoj estos apenaŭ sufiĉaj por pagi la preskostojn.

« Tio plej evidente montras, ke la legantoj, kiuj plendas ĉar «B. E.» ne aperas ĉiumonate, havas kiel unuan devon la varbadon de novaj abonantoj kaj de anoncoj. Tiam la espezoj po numero malaltiĝos kaj nia Revuo povos fariĝi monata.

« Konklude, ĉiu Ligano kiu sincere deziras, ke ni progresu devas unue klopodi por :

1) Varbi membrojn (precipe izolitajn)
2) Varbi abonantojn al «B. E.»
3. Vendigi librojn, propagandilojn, k. t. p., eldonitajn de la Ligo;
4) Varbi abonantojn al «E. F.»

**Bonfarantaj Membroj.** — Sro Vandevelde proponas, ke la Bonfarantaj Membroj estu citataj en la ĵurnalo same kiel la Honoraj Membroj. Akceptite.

**Honoraj Membroj.** — Sroj. Jacobs kaj Schoofs proponas, ke oni klopodu por ke la Honoraj Membroj subtenu la Ligan kason ĉu per jara kotizo ĉu per donaco. La Ligestraro ekzamenos tiun demandon».

Sro Schoofs proponas ke la grupoj kiuj ricevas oficialan monhelpon donacu parton al la Liga kaso.

**Belga Esperantisto.** — Sro Schoofs atentigas la gedelegitojn pri la neceseco verki **bonajn artikolojn** por la ĵurnalo kaj sendi ilin akurate al la redaktejo. Eĉ se la monrimedoj estus sufiĉaj, nia revuo ne povus regule aperi ĉiumonate pro manko de bonaj redaktaĵoj! Estas do necese, ke niaj samideanoj zorgu tiom por la redaktado, kiom por la financa parto de la ĵurnalo.

**Sro Cogen** tiucele proponas, ke la grupoj organizu inter siaj gemembroj konkursojn por havigi bonajn tekstojn. **Sro Mathieux** proponas, ke la Direktoro konigu la verkojn kiujn li deziras ke oni traduku. Sro Pirnay proponas, ke oni faru alvokon al la Honoraj Membroj por ke ili donacu premiojn por literatura konkurso.

S-ro Schoofs diras ke tiu propono estas kunigebla kum la jam eldirita propono pri financa subteno flanke de la Honoraj membroj.

5. **Esperanto Film. Sro Schoofs** atentigas pri la graveco de Esperanto Film kiel propagandilo. La grupoj devus ĝin pli uzi por sia loka

propagando kaj, por atingi praktikan rezultaton, ĝin sendi pliajn fojojn al la samaj personoj zorge elektitaj inter la plej varbindaj.

Por ebligi la disdonadon de multaj el tiuj bonegaj propagandiloj, la grupanoj devus donaci regule malgrandan sumon al la grupa kaso. Ju pli granda estos la nombro mendita des pli malkara estos la prezo.

**Sro Vandevelde** proponas, ke estonta Esperanto-Film enhavu kiel eble plej detale la tre favoran raporton de la Ĝenerala Sekretario de la Ligo de Nacioj pri la enkonduko de Esperanto en la lernejoj.

La Liga Sekretario skribos al la grupoj por demandi kiom da ekzempleroj ili deziras kaj se la nombro estos sufiĉe granda oni presigos tiun resumon de la citita raporto, kiu estas tre taŭga dokumento por la propagando.

**6. Partopreno en la Internacia Semajnoduo.** — Estas decidite konservi la tradician daton por nia nacia kongreso kaj klopodi por ke multaj belgaj kaj precipe alilandaj samideanoj ĉeestu la Internacian Semajnoduon. La ligo interrilatos kun la organizantoj por konigi tiun gravan internacian okazontaĵon kaj komisiis la komitaton, kiu fondiĝis tiucele, prizorgi la aferon. Por ĉiuj informoj oni sin turnu al Sro. L. Cogen, 52, Dreef, Ninove.

**7. Naciaj Kongresoj.** — La Ligestraro, helpata de Sro. Pirnay, klopodos por organizi en Namur nian proksiman Nacian kongreson. Ĉiuj samideanoj, kiuj povas kunhelpi, bonvolu sin turni al la Sekretario.

S-ino Rustin, invitite, pro malsaneto ne povas ĉeesti la kunsidon.

La komitato ekzamenis la proponon faritan de Sino Rustin-Van der Biest, organizi pliajn naciajn kongresojn, por pli efike propagandi kaj por ke la gesamideanoj povu pli intime konatiĝi.

Ĉar pro diversaj cirkonstancoj ne estas eble organizi nuntempe pliajn tutnaciajn kongresojn, la ĉeestantaro varme rekomendas la organizon de regionaj Esperanto-tagoj, kiuj povas multe efiki por la ĝenerala propagando.

La grupo «La Tagiĝo», el Ledeberg, rekomendas ke oni sendu al la informoficejoj de la grandaj urboj afiŝojn anoncantajn la nacian kongreson kaj la Esperanto-tagojn.

**8. Ligaj Delegitoj.**— Por kiel eble plej bone organizi la propagandon en la tuta lando, **Sro Schoofs** proponis, ke oni elektu, en la lokoj kie ne ekzistas grupo, samideanojn al kiuj oni donos la titolon de Ligaj Delegitoj kiuj zorgus pri la propagando en sia regiono interkonsente kun la Ligo. Tiu propono estis akceptata de la XIa belga kongreso kaj oni estas petata konigi al Sro. Schoofs taŭgajn personojn tiucele.

**9. Reelekto de la Ligestraro.** — S-ro Cogen legas leteron de Sro Witteryck, kiu, pro la restarigo de sia detruita industrio, kiu postulas sian tutan tempon, petas ke oni anstataŭu lin kiel Prezidanton de la Ligo. La gekomitatanoj unuanime opinias, ke tiu deziro ne estas akceptebla nun. Estas decidite ke oni faru apud la Prezidanto la necesajn klopodojn por ke, por la bono de nia afero, li konsentu konservi la Prezidantecon de la Ligo, sed ke li prenu la necesan libertempon por prizorgi siajn personajn aferojn. Dum tiu tempo Sr. Cogen, Vicprezidanto, prizorgos la prezidantecon. Por eviti al Sro. Witteryck troan

laboron oni sinturnu al la Sekretario por ĉiuj aferoj rilatantaj la Ligon.

La aliaj Estraranoj estis aklame reelektataj.

10. Diversaĵoj. — La grupo «La Tagiĝo» plendas pro la tro granda diferenco de la kosto de la karto de la XVa internacia kongreso inter la alt- kaj la malaltvalutaj landoj. Ĝi petas ke « Belga Ligo» protestu kontraŭ tiu neegaleco. La neceso estos farata.

Tiu grupo petas ankaŭ, ke la Ligo faru la necesajn klopodojn ĉe la Ministerio de Sciencoj kaj Artoj por ke la komunumoj kiuj organizas Esperantajn kursojn, ricevu subvencion de la Ŝtato kiel por la aliaj lingvoj. La Komitatanoj opinias, ke tiuj klopodoj devas esti farataj de la interesataj komunumoj mem. Tamen, la Ligo estas preta kunhelpi se necese.

Sro. Dervaux, Sekretario de la Bruĝa grupo, atentigas pri la neceseco por nia Revuo resti neŭtrala kaj ne helpi al la disvastigo de religiaj aŭ doktrinaj aferoj kiel katolikaj, protestantaj, liberpensulaj, framasonaj, k. t. p. Por eviti malkontentiĝi la legantaron, la ĵurnalo raportos nur, por la dokumentado, pri gravaj faktoj, rilate nian lingvon, okazintaj en tiuj medioj.

La kunsido ĉesis je la 14a. H. PETIAU.

# Pri la Muzikarto dum la Antikvaj Tempoj

Unu el la plej maljunaj belartoj estas la muziko. Natura lingvo ĝi estas de ĉiuj sentantaj animoj.

La naskiĝtero de la muziko estas Azio. La Sankta Skribo citas Jubal el la unua homgeneracio, kiel la patron de la citro- kaj harpludistoj. Sur la aziaj altebenaĵoj, la paŝtistoj kantis siajn senartajn kantojn. Cetere la Biblio citas de Mozo kaj de Mirjam la belegajn laŭdkantojn kaj psalmojn ; la muroj de Jeriho malsuprenfalis per la sonoj de la trumpetoj militaj!! (Kiu ankoraŭ neos la forton de la muziko!!) Davido en la preĝejojn enkondukis la horkantaĵon...

La muzikinstrumentoj, uzitaj dum la kantado de la psalmoj estis la citro, la harpo, la trumpeto kaj la duonsfera tamburo. La juda muziko atingis sian plej altan ŝtupon dum la reĝado de Salomono. Li uzigis bonodoran lignon por la farado de la preĝejaj muzikinstrumentoj.

La murpentraĵoj de la antikvaj Egiptanoj montras al ni multnombrajn bildojn de kantistoj kaj de kantistinoj kun grandaj harpoj kaj aliaj instrumentoj, kiuj sinokupas per kantado kaj muzikludado... Aliparte, Herodotus rakontas al ni pri la grandegaj kaj belegaj muzikfestenoj de la Egiptanoj.

Ĉe la Grekoj la muziko ege evoluciis. En iliaj dramoj partoprenis iu nombro da personoj kiuj dum la tuta ludo restis en la «orchestra» (de kiu venas nia vorto : orkestro) kiel ĉeestantoj de la faktaro Dum la paŭzoj kantis la aro de tiuj personoj nomita la horo, kantojn, kiuj esprimis sentojn kaj rimarkojn pri la viditaj teatraj scenoj. Tiuj kan-[illegible] estis kantataj en larĝaj solenaj ritmoj. La dramoj des Aeschylos

Sophocles kaj Euripides donas al ni belegajn ekzemplojn de tiaj **horoj.** — (kantoj; flandre : reizangen).

La Romanoj ne havis tian altan senton por la beleco; konsekvence ili ne tiom amis la muzikon. Tiu arto estis kvazaŭ ekskluzive en la manoj de la sklavoj kaj de la liberigitoj...

E. VAN BEUGHEM.

# Belga Kroniko

Ni ree insistas por ke **ĉiuj grupoj** sendu regule, antaŭ la 20a de l'monato, **ekskluzive al la Sekretario de la Ligo,** raporteton pri sia agado.

ANTVERPENO. La Verda Standardo dum la pasinta somero vigle propagandis per paroloj kaj artikoloj en la faka ĵurnalo «Concordia». Rezultato estas la organizo de kurso por komencantoj. Tiu kurso okazas de la komenco de oktobro sub la aŭspicoj de la «Sindikato de komercaj kaj industriaj oficistoj» kaj grupigis 14 lernantojn. La profesoro estas S-ro M. De Ketelaere.

GENTO. — **Genta Grupo.** Nova kurso, gvidata de Sro Advokato Groverman, komenciĝis en la Universitato.

**La Progreso.** 24an de Septembro: Ĝenerala kunveno. Raportoj. Sro. Verschueren direktisto de la «Gazette van Gent», plej favora por nia movado, estis unuanime kaj aplaŭde elektata honora membro. Laborplano estis alprenata. Fotografa sekcio estis starigata.

**1an de oktobro** : Grupa ekskurso laŭ la bordoj de la Leie (Lys). Vizito al la vilao de nia protektanto Sro. Verlent. Restis, kiel kutime plej ĝoja kaj agrabla memora. **2an de oktobro** : La kursoj rekomenciĝis. **8an de oktobro** : Ni partoprenis la inaŭguron de monumento en Gentbrugge. **14an de oktobro** . Fino Soete faris paroladon plej interesan kaj tre ŝatatan pri «Moroj kaj kutimoj en Japanujo». **1an de novembro** : Gemembroj de « La Tagiĝo », « Ledeberga Junularo » kaj «La Progreso» partoprenis pilgrimon al tomboj de militherooj. **3an de novembro** : Sro. Van Wesemael, juna membro, faris en la normala lernejo propagandan paroladon. Sekvis kurso kun 58 lernantoj : klarigos ĝin Sro. Van Uytfanck el St. Nikolao. **4an de Novembro** : Sro. Somerling refaris sian paroladon pri «La Barmuro de la Gileppe». Tre multaj ĉeestantoj.

LOKEREN : Nia agema amiko Sro. De Bosschere el St. Nikolao malfermis du kursojn en Lokeren, kie fondiĝis nova grupo. 30 komencantoj sekvas la novajn kursojn kaj la perfektiga kurso kunigas ĉiujn membrojn de la « Durma Stelo ».

VERVIERS. — Por starigi sur pli firman bazon ol la pasintan jaron la kurson ĉe la 4a grado de la urbaj lernejoj, la tiea grupo petis de la urba konsilantaro subvencion de 500 frj. kiu estis malrifuzata dum la kunsido de la 30-10-22 kondiĉe ke la kurso restu nedeviga kaj

okazu ekster la lernadhoroj. Sro. Maurice Pacoux gvidas kurson ĉiuvendrede por 20 knaboj kaj ĉiumarde por 43 knabinoj. La 500 frankoj utilos por pagi la profesoron kaj fari premiojn por la geknaboj Tiu lastcele utilos ankaŭ la 100 frj. donacitaj de la Honora Prezidanto.

16-10-22 : Sro. Herion malfermis kurson en la grupa sidejo kaj la 21-10-22 Sro. M. Schnitzler en la Popoldomo, organizitan de la «Centrale d'Education Ouvrière». Verviers 'a sekcio. La Popola Universitato « La Mutuelle » de kiu la grupo estas fako, decidis eldoni, ĉiumonatan bultenon en kiu la grupo povas presigi ĉiujn siajn komunikaĵojn.

**Dimanĉon** 13-10-22 : Jara ĝenerala kunveno; renoviĝo de la duono de la komitato. Prezidanto : Sro. Pirnay; Sekretario : Sro. Jos Hérion, ambaŭ Delegitoj ĉe la Liga Komitato. La urbaj ĵurnaloj restas favoraj al nia movado; «Le Travail» eĉ malfermis regulan kronikon.

# Belga Gazetaro

ANVERPENO. — Ĉiuj gazetoj senescepte publikigis la diversajn informojn pri la malfermo de la novaj kursoj organizitaj de la grupo «La Verda Stelo».

«De Diamantbewerker» (25.11): alvoko en Esp. al la membroj de la Ant. grupo de Esp. Diamantistoj.

BRUSELO. — «Le Jass» (5.11): bonega propaganda artikolo.

«Le Ralliement» (26.11): letero de S-ro De Bosschere pri la stato de la Esperanto-movado en nia lando.

BRUGGE. — «Schoolbloempje» (Oktobro): propaganda artikolo de nia prezidanto Witteryck.

GENT. — «La Flandre Libérale» (4.11.): anonco pri parolado de S-ro Somerling.

«Gazette van Gent» (3031.10): Bona resumo de la raporto de la Ligo de Nacioj. (20-21.11): Represo de nia «Esperanto-Film». Letero el Litovujo laŭ « Litova Stelo ». (27-28-11): Noto pri la Esperante eldonita broŝuro «La Ekomoniaj Fortoj de Finnlando». (3.12): Parto el la parolado de D-ro E. Setälä, ĉe la XIVa Universala Kongreso en Helsinki. — Krom tio aperis sinsekve la 17a, 18a, 20a kaj 21a leciono de Esperanto.

LIEGE. — «La Wallonie» (30.11): Informo pri Esperanto ĉe la Klubo de Inĝenieroj en Brazilo.

LA LOUVIERE. — «Les Nouvelles» (17-11) : La progresoj de Esperanto.

MONS. — «La Province» (16.11): sama artikolo.

# XVa Universala Kongreso de Esperanto en Nürnberg

DUA CIRKULERO.

1. DATO. — La XV-a okazos, laŭ interkonsento kun K. K. K., de la 2-a ĝis la 8-a de aŭgusto 1923.

2. KOTIZO. — La fiksado de la Kongresa Kotizo estis tre malfacila en la nunaj cirkonstancoj. Ni konsideris, ke la sumo pagota de altvalutaj landoj povas esti pli alta ol tiu pagota de malbonvalutai, tamen ne tiel ke la instenomitaj kaŭzu efektivan malprofiton al la kongresa kaso. Serĉante konvenan bazon, tabelo estas starigita, interkonsente kun K. K. K. Laŭ ĝi la Belgoj pagos 30 frankojn.

Ĉiu pagu en la mono de sia lando per monbiletoj aŭ bankĉeko.

Favorkotizoj por familianoj ne ekzistas. Kiu aliĝos post la 1. de junio, pagos plialtigon de 50 0/0. Repago de kotizo ne okazos. La unuaj mil aliĝintoj ricevas priurban donacon.

3. GARANTIA KAPITALO. — Por certigi la financojn, estas fondita speciala Garantia Kapitalo, al kiu la samideanoj bonvolu noti garantiojn po almenaŭ gmk. 5000. La garantiitaj sumoj estas enkasigataj nur, se la kongresaj elspezoj superos la enspezojn, kaj, proporcie al eventuala malprofito.

4. DONACOJ. — Sub ĉi tiu rubriko ni notos mondonacojn, faritajn al la Kongresa Kaso. Ĉar la organizaj elspezoj estas tre grandaj, kaj nur parte povos esti repagataj per la kongresa kotizo, la L. K. K. sin turnas al ĉiuj samideanoj, petante monsubtenojn.

5. BLINDULA KASO. — Plenumante deziresprimojn de la XIV-a kaj XIV-a Kongresoj en Praha kaj Helsinki, la L. K. akceptas pere de la aliĝiloj mondonacojn por la kaso de blindaj Esperantistoj.

6. ENVOJAĜA PERMESO. — Por envojaĝa permeso, laŭ bavara leĝo, ne la registaro, sed la distrikta polico estas kompetenta. La Esperanto-ema Nürnberga konsilantaro kiel invitinto de la kongreso promesis ĉian apogon kaj forigon de ĉiuj rilataj malfacilanoj.

7. FAKAJ KUNSIDOJ. — Ĉar estonte la kongresaj fakkunsidoj certe havos pli grandan gravecon ni speciale priatentos ilin. Elektinte jam lokajn organizatojn, ni publikigas jam nun la adresojn por kelkaj fakoj :

por blinduloj: Wilhelm Reiner, direktoro de la blindula instituto, Kobergerstrasse, 147.
por filatelistoj . Max Hönigsberger, Albrecht Dürer-Platz, 6.
por juristoj : D-ro Heinrich Orthal, Fürtherstrasse, 2.
por komercistoj : Emil Muscat, Tucherstrasse, 21.
por kuracistoj : D-ro Eugenie Steckelmacher, Spittlertorgraben.
por laboristoj : Georg Gerber, Allersbergerstrasse, 57/III.
por scienculoj : D-ro Otto Kleider, Kaiserstrasse, 7.

Ni aranĝos ankaŭ aliajn fakkunsidojn, pri kiuj ni raportos pli poste.

8. PLEZUROJ. — Dum la kongreso ni aranĝos, laŭ tradicio, diversajn festojn kaj plezurajojn : teatrajn reprezentadojn, internacian balon, ekskursojn, koncertojn ktp.

9. KOMITATO. — D-ro Richard Ledermann, prezidanto de L.K.K., kaj Otto Pilhofer, 1. vicprezidanto de L. K. K., estis elektitaj anoj de K. K. K.

10. KORESPONDADO. — Ni petas, ke oni aldonu por kongresaj respondoj la afrankon per laŭlandaj poŝtmarkoj aŭ respondkuponoj.

**Loka Kongresa Komitato.**
D-ro Ledermann.

---

## OBEEMA INFANO.

Janĉjo, enkurante la ĉambron: Patrino, patrino...

— Silentu, ĉu vi ne vidas, ke via patro legas la gazeton? kaj ĉu vi ne scias, ke tiam vi devas silenti?

Janĉjo ne diras vorton. Post kvarono da horo; — Diru, patrino, ĉu mi povas diri ion?

— Ne, ĉar patro ne ankoraŭ finlegis la gazeton...

Kiam la patro finas la legadon, li diras: Nun, Janĉjo, kion vi deziris diri?

— La akvotubo en la banĉambro krevis!

(Ph. Van Meerendonck.)

---

# DES VOIX D'EXTRÊME ORIENT

Le chargé d'affaires chinois à Londres, Mr Tsjou Sing Tsjou, qui participa à la réunion de la Ligue des Nations, à Genève, raconta que dans cette Ligue, seuls trois points l'intéressaient: **le désarmement, l'Esperanto et la question de l'opium.**

Il dit : « Nous appuyons la langue auxiliaire Espéranto, parceque, dans nos relations avec les autres continents, nous pâtissons beaucoup, du grand nombre de langues.

Une langue neutre auxiliaire, la même dans tous les pays, la première langue étrangère après la langue maternelle, me semble être la solution la plus juste, car le problème des langues a toujours été une question difficile. Voilà pourquoi en Chine l'Espéranto a déjà été inscrit dans le programme de beaucoup d'écoles. L'enseignement de l'Esperanto deviendra bientôt général chez nous. Nous espérons que la Ligue des Nations engagera les autres pays à en faire autant».

---

Comparez cette déclaration à la suivante du Comte Hayschi, ministre du Japon :

« Le français et l'anglais sont deux langues très répandues : le français pour la diplomatie et les sciences ; l'anglais pour la marine et les relations commerciales ; mais ces langues sont trop difficiles et leur étude exige trop de temps dans notre courte vie. C'est pourquoi nous souhaitons que l'Espéranto soit enseigné comme langue seconde dans tous les pays du monde !»

Lorsque je pris l'initiative du mouvement Espérantiste en Belgique je pensais de la langue auxiliaire ce qu'en pensent aujourd'hui les deux hommes d'état susdits.

Je m'imaginais que deux années suffiraient pour faire enseigner l'Espéranto dans toutes les écoles primaires du monde civilisé, et considérant le grand progrès que l'Espéranto susciterait dans toutes les classes de la société, je me représentai un monde plus riche, plus scientifique, plus pacifique, plus agréable que le nôtre.

L'Espéranto devint mon idéal, et je ne m'épargnai ni temps ni peine, pour atteindre à bref délai mon but humanitaire...

Hélas! Combien amère fut ma déception!

Quelles sottises n'entendis-je pas débiter contre mon activité !

Ce qui me parait le plus étrange c'est que beaucoup de gens, qui ne savent dire peu ou prou de l'Espéranto, critiquent et condamnent cette langue ;... l'énergie leur manque pour examiner la question à fond, et pour ce motif, ils s'en tiennent opinéâtrement à leur jugement.

La question me semble cependant être d'une telle importance, que chacun devrait, à mon sens, se faire au moins un devoir moral et social de soutenir le mouvement Espérantiste, non par intérêt personnel, mais pour l'utilité de l'humanité entière.

A. J. WITTERYCK.

# Stemmen uit het verre Oosten

De Chineesche zaakgelastigde in Londen, de heer Tsjou Sing Tsjoe, die deelnam aan den Statenbond te Geneve, vertelde dat in den Statenbond, hem maar drie zaken van belang zijn : de **ontwapening**, het **Esperanto** en de **opiumkwestie.**

Hij zeide : « De hulptaal Esperanto steunen wij, omdat wij in onze betrekkingen met de andere werelddeelen, veel lijden door het groot aantal talen Een onzijdige hulptaal, welke dezelfde is in alle landen en die de eerste vreemde taal is na de moedertaal, schijnt mij de rechtmatigste oplossing, want het taalprobleem is altijd een moeilijke vraag geweest. Daarom bracht China reeds in vele scholen Esperanto op het leerprogramma. Het Esperanto-onderricht zal bij ons binnen kort algemeen worden. Wij hopen, dat de Statenbond de andere landen zal aansporen om hetzelfde te doen ».

* *

Vergelijk die verklaring met de volgende van Graaf Hayschi, minister van Japan :

« Het Fransch en het Engelsch zijn twee veel verspreide talen: het Fransch voor de diplomatie en de wetenschappen ; het Engelsch voor de zeevaart en de handelsbetrekkingen ; doch die talen zijn te moeilijk en hun studie vergt te veel tijd van ons kortstondig leven. Daarom wenschen wij dat het Esperanto, als tweede taal, in al de landen der wereld aangeleerd worde. »

Toen ik de Esperantobeweging in België op touw zette, dacht ik alsdan over de hulptaal zooals thans de twee bovengenoemde Staatsmannen.

Ik meende, dat een paar jaar zouden voldoende geweest zijn om het Esperanto, als tweede taal, in al de lagere scholen der beschaafde wereld te doen onderwijzen, en, overwegende welken grooten vooruitgang het Esperanto in alle standen der samenleving moest teweeg brengen, beeldde ik mij als 't ware een nieuwe wereld in, veel rijker, veel wetenschappelijker, veel vredelievender, veel aangenamer dan de onze.

Het Esperanto werd mijn ideaal, en ik spaarde noch tijd, noch moeite, om mijn menschlievend doel ten spoedigste te bereiken...

Helaas ! hoe bitter was de teleurstelling !

Wat al ongerijmdheden heb ik tegen mijn werking niet hooren uitkramen !

Wat mij het vreemdst voorkomt is, dat velen, die niets of bijna niets van het Esperanto kennen, de taal beknibbelen en veroordeelen ; de noodige wilskracht ontbreekt hun om de zaak grondig te onderzoeken, en daarom blijven zij halstarrig bij hun besluit.

De zaak schijnt mij echter van zoo groot belang, dat ik het op zijn minste genomen voor eenieder als zedelijke en maatschappelijke plicht aanzie de Esperantobeweging te ondersteunen, niet zoozeer uit eigen belang, maar ten bate van het geheel menschdom.

A.-J. WITTERYCK,

# Por la Monumento Zamenhof

Oka Listo:

| | | |
|---|---|---|
| Aŭg. Van Acker, Lembeke | Fr. | 2.— |
| Antaŭaj listoj: | | 964.— |
| Sumo: | Fr. | 966.— |

La en nia numero de okt.-nov. esprimita espero ne estas plenumita. Ni tre sincere tion bedaŭras.

(Donacojn sendu al Fr. Schoofs, poŝtĉekkonto N° 284,20, Antverpeno).

## POR «ESPERANTA LIGILO» DE LA BLINDAJ ESPERANTISTOJ

Naŭa Listo:

| | | |
|---|---|---|
| Malriĉa samideano | Fr. | 2.— |
| Kolektita dum Kristnaska Festo | | 18.— |
| Antaŭaj listoj | Fr. | 666.70 |
| Sumo : | Fr. | 686.70 |

(Donacojn sendu al Fr. Schoofs, poŝtĉekkonto N° 284.20, Antverpeno).

# Persa Rakonto

DervIŝo alvenis en domon, kies mastro estis homo grandanima kaj bonkonduta. Lia societo estis kompanio de instruituloj kaj elokventuloj. Ĉiu, kiel tio estas kutima ĉe saĝuloj, paroladis ŝercojn kaj akraĵojn.

DervIŝo pasis la dezerton, laciĝis, kaj nenion manĝis.

Unu el la apudestantoj kun gajaj manieroj diris:

— «Vi ankaŭ devas diri unu parolon».

— «Mi ne havas, respondis la dervIŝo, tiajn sciojn kaj elokventecon kiel aliaj, kaj mi nenion lernis. Sed se vi vin kontentigos per unu verseto, mi ĝin diros».

La interparolantoj eldiris sian deziron.

VERSO.

«Mi estas malsata kaj antaŭ mi la tablego kun pano.
«Sed mi, fraŭlo estas ĉe pordo de virina vaporbano».

La verso plaĉis ĉiun kaj oni alŝovis la tablon. La mastro invitis :

— «He, la amiko de universo! Atendu dum miaj servantoj preparos la rostitan «kufta» (1).

La dervIŝo levis la kapon kaj respondis .

— «Ne parolu pri kufta ĉe la mia tablo,
« Por malsata, pano sola estas la **kufta** ».

El «Golestan» (Florujo) de persa verkisto SAADI
tradukis E. F. REBRIK, Recht-Persujo.

(1) Kufta : rostaĵo el viando de ŝafo (La tradukinto).

# Akademio de Esperanto

## SEKCIO POR LA TEKNIKAJ KAJ SCIENCAJ VORTAROJ
## UNUA CIRKULERO. (FINO)

### III. PUBLIKIGADO.

1e Formo. La formo, laŭ kiu estos publikigata la verkita terminaro, ne estos la sama laŭ ĉiuj fakoj. Efektive, por la teoriaj fakoj aŭ teoriaj partoj de fako la plej bona formo estas tiu de teksto simila al tiu de lernolibro. (Ekz.: Matematika Terminaro de Bricard; Teoria Parto de Marista Terminaro.)

Tiu teksto donas klarigojn pri la vortoj per frazoj, en kiuj ili estas entenataj. Sed, al tiu teksto devas esti aldonata tabelo de vortoj alfabete ordigitaj, kune kun iliaj tradukoj nacilingvaj.

Tiu formo ne konvenos por la profesiaj aŭ metiaj fakoj, ĉe kiuj la nomoj de iloj aŭ instrumentoj estas multenombraj aŭ eĉ kelkafoje ekskluzive konsistigas la terminaron. En tia okazo oni uzos formon similan al tiu de la kelklingvaj vortaroj jam publikigitaj en diversaj

landoj; t. e., oni donas liston de tiuj nomoj, kun, se eble, bildoj, kaj aron de nacilingvaj tradukoj; tiuj nomoj estas aranĝataj laŭ teknika ordo, kiu ebligas, facile trovi ilin en la vortaro.

Estus oportune, elekti formaton kaj aranĝon kiel eble plej similajn por najbaraj fakoj.

2e Financaj rimedoj. Se la Direktoro opinias, ke la «Scienca Asocio» havas sufiĉe grandajn monrimedojn, aŭ se la fakestro posedas tiajn monsumojn, aŭ fine, se oni sukcesas starigi specialan societon por entrepreni tiun publikigadon, ekzemple per antaŭpromeso de sufiĉe granda nombro da aĉetantoj k. t. p., la publikigado de la terminaro estas farata; la fakestro zorgas pri la korektado de la presprovaĵoj kaj donas la permeson presigi.

Kontraŭe, se ne ekzistas taŭgaj rimedoj por fari tiun publikigadon, la Direktoro konservas la manuskripton ĝis favora momento. Nur, li anoncas en «Scienca Revuo», ke tiu vortaro estas tute preta.

## IV. ORDO DE LA LABOROJ.

Ĉar, kiel ni diris, la iniciato de la laboro povas kaj devas veni de la Esperantistoj mem, ni donas ĉi sube nur proponojn pri la preferinda ordo de la farotaj laboroj, instigante la bonvolajn kaj laboremajn samideanojn, elekti inter tiuj proponoj.

1e Dezirinde estas unue fini la vortarojn de la «Puraj Sciencoj» jam komencitajn de la «Scienca kaj Teknika Komisiono» de la Scienca Asocio en la jaro 1912, ĉar tiuj vortoj estas entenataj en teoria parto de ĉiuj industrioj. La laboroj de tiu Komisiono estas publikigitaj parte en «Scienca Gazeto». Jen la nuna stato de tiu verkaro:

Astronomio. Listo da vortoj estas farita, kun la tradukoj en la lingvoj franca, angla, germana, itala kaj latina. Farotaj estas: la kontrolo de tiuj tradukoj, la elekto de la Esperantaj vortoj kaj la redakto de la publikigota teksto; jam parto de tiu teksto ekzistas en la publikigita «Provo de Marista Terminaro».

Matematiko. Komencita unuflanke de Sro Bricard en la publikita «Matematika Terminaro» kaj aliparte de la Komisiono. La manuskripto estas en la sama stato kiel tiu de Astronomio t. e. farotaj estas: elekto de la Esperantaj vortoj kaj redakto de la teksto.

Mekaniko. Sama stato kiel tiu de Matematiko.

Kemio. Tute finita. Nomenklaturo kaj vortaro publikigitaj en «Scienca Gazeto».

Fiziko, ĝenerala kaj tera. Sama stato kiel tiu de Matematiko. Tamen, kelkaj partoj sufiĉe gravaj estas jam publikigitaj en «Scienca Gazeto».

Ankaŭ estas komencitaj kelkaj verkoj, kiuj estas malpli gravaj sed tamen finotaj:

Enketo pri kelkaj punktoj de la scienca lingvo (publikigita en «Scienca Gazeto».)

Pri la propraj kaj geografiaj nomoj.

Pri la teknikaj vortoj de la Fundamento.

2e Por ricevi tutajn rezultatojn, kiuj pruvus, ke ni efektive kaj utile laboras, estus dezirinde, ke oni elektu fakojn inter la plej utilaj

en la nuna momento. Ekz.: Senfadena Telegrafo, Aviado, Elektrotekniko.

3e Estus ankaŭ bone, ke estu daŭrigataj la jam komencitaj kaj pli malpli antaŭenpuŝitaj vortaroj, kiuj bezonas kunladoradon de kelkaj teknikistoj: Geometria Terminaro de Sro Mazzolini; Geografia Terminaro, Oceanografia Terminaro de Sro Rollet de l'Isle.

4e Fine, krom tiuj sciencaj vortaroj estus dezirinde, ke oni laboru pri la praktikaj, komercaj, industriaj, metiaj kaj profesiaj terminaroj Sed, antaŭ komenci estas necese, bone koni tion, kio estas farita.

DEMANDOJ DE LA DIREKTORO.

1e La Direktoro petas ĉiun samideanon, kiu akceptas, laboradi laŭ la tie ĉi montrita metodo, fariĝante fakestro de iu el la montritaj fakoj aŭ de iu ajn alia, sciigi siajn nomon kaj adreson, kune kun la preciza difino de la elektita fako.

2e La Direktoro petas ĉium samideanon, kiu, en la nuna momento verkas teknikan terminaron, sciigi siajn nomon kaj adreson, kune kun la preciza difino de la fako; se tiu samideano tion deziras, la Diretoro klopodos, por trovi kunlaborantojn.

3e La Direktoro petas sciigojn pri la jam verkitaj, pretaj ne publikigitaj, terminaroj — ankaŭ pri la publikigitaj teknikaj terminaroj, kies titolo ne troviĝas en la Esperantistaj katalogoj.

4e La Direktoro petas la direktorojn de la Esperantistaj gazetoj, sendi al li la numerojn de tiuj gazetoj, en kiuj troviĝas teknikaj artikoloj aŭ studo pri la verkado de la teknikaj vortaroj.

La Direktoro:
**Rollet de l'Isle.**
35, Rue du Sommerard, Paris

P.S. Sro Rollet de l'Isle petis Sron Rousseau, ke li bonvolu esti ĝenerala Sekretario de la Sekcio, kaj Sro Rousseau akceptis tiun gravan taskon.

---

# La Ekzempla Siska

## de Lode Baekelmans

Sus Segers sidis apud sia kudroframo. Liaj manoj vigle laboris, puŝis la kudrilon tra la folioj.

Estis silente en la laborejo de la maljuna librobindisto. Areto da gluetaj muŝoj postsezonaj flugis ĉirkaŭ la acide odoranta amelpoto, rampis sur la grizaj pikaj haroj de Sus, restis sur lia vizaĝo kaj en lia barbeto.

De tempo al tempo li puŝis sian maĉtabakaĵon de dekstre maldekstren, iĝis malbonhumora per ilia incitado kaj frapis kun peceto da kartono por ilin forpeli. En la premilo staris libroj, antaŭ la tranĉilo kuŝis papereroj, sur la tablo estis senorde interĵetitaj ledo kaj papero.

Jam la trian fojon mi demandis al mia malnova amiko, kiam li pensos bindi mian libron.

— Kiam ĉi tio estos farata!

Sus neniam faris du tasketojn samtempe, neniam interrompis ion por komenci ion alian kaj, en sia librobindista obstineco, li faris ĉion kiel al li plej bona ŝajnis.

— Je kio vi okupas vin, Sus?

— «Proverboj pri la virinoj» de De Cock!

— Ha.

— Vi scias, li babileme daŭrigis, mi neniam legas libron... ju pli oni legas des pli oni iĝas malsaĝa... mi librojn nur bindas. Sed ĉi tiun libron mi rapide tralegis; ĉiu malbonaĵo, kiun oni povas diri pri la virinoj, troviĝas en ĝi. Sed mi preskaŭ ĉion sciis...

— Kaj kio estas via opinio pri virino, Sus?

— Kion mi diros? li pensante respondis, dum li ripozigis sian kudrilon kaj rigardis la velkintan geranis kreskaĵon, kiu staris malantaŭ la fenestro, estas ankaŭ bonaj virinoj... Mi konis unu tian, unu el mil...

— Ĉu vian, Sus?

— Pri mia edzino mi ne parolas, li inde diris, la mia estas perlo, li hezitante daŭrigis, sed tiu alia estis unu el mil. Estis la edzino de mia amiko Tist, tajloro kiu komprenis sian metion. Tist estis maldika, gajema vireto, kiu ĉiam ĝoje fajfis kaj kantis dum li estis sidanta sur sia tablo. Estis mia plej bona amiko. Ni ĉiam ambaŭ eliris, dimanĉe kaj lunde. Lia edzino Siska estis ĉiam samhumora. Kion Tist faris, estis bone farita. Neniam ŝi grumblis kiam li longe forrestis, ŝi ne malbenis liajn kolombojn kaj liajn amikojn, ŝi neniam petis por kune promeni, ne klaĉadis ĉe la najbaroj. Ŝi sciis bone kuiri, estis tre ŝparema, ŝia mastraĵo estis ege pura. Neniam mi spertis, ke ŝi ne diris la veron, escepte kiam estis por esti agrabla al sia edzo. Siska estis unu virino el mil.

Sus forŝovis sian ŝtalan vidilon ĝis la pinteto de sia nazo, oblikve rigardis min trans la vitroj.

— Tist estis ja strangulo, tre brava viro, sed stranga... oni devis koni lin. Li parolis france kiel flandre. Tion li lernis en Parizo. Kiam ni estis diboĉantaj ni iam parolis ambaŭ france, mi lernis ĝin en Lieĝo, kiel vi scias!... Sed mia franca lingvo estas iom pli valona... Kiam Tist iris lerni francan, mi tute bone lernis estimi lian edzinon. Estas jam longe for sed tion mi neniam forgesos. Nu, mi plenigos pipon kaj rakontos tion al vi.

Je iu Perdita Lundo (*) mi iris serĉi Tist frumatene por kune viziti niajn trinkejojn, kaj trinki la novjarajn donacojn je la sano de

(*) Perdita Lundo : la dua lundo post novjartago. Dum ĝi la butikistoj kaj trinkejestroj en Belgujo donacas novjarpremiojn al siaj klientoj. Estas ankaŭ kutimo, ke en tiu tago oni manĝas panon kun kolbaso. Por la laboristoj estas libertago. Notinde estas tamen, ke, post la milito, la festado de «perdita lundo» ĉiurilate ne plu estas tiel ĝenerala kiel antaŭe. (N. d. l. R.)

la estrinoj. Li staris dimanĉe vestite en la kuirejo kaj donis pecon da sukero al la kanario, kiam mi eniris. Lia edzino posedis spicejon en la Herbejostrato kaj estis okupata je la servado de klientoj.

Ni staris vane atendante momenton antaŭ la birdokaĝeto, sed la besto ne volis kanti. Dum ni eliris Siska demandis :

— Kiam vi revenos, Tist?

— Por trinki kafon, diris Tist.

Kaj ni foriris. Ni estis ankoraŭ junaj kaj gajaj. Mia dua filino estis tiam trimonata kaj lia plej maljuna filo, lia nura infano, tiutempe, trijara. Ni konis preskaŭ ĉiujn antverpenajn trinkejojn kaj la trinkejojn, kiujn ni ne konis, ni vizitis je Perdita Lundo por ekkoni ilin. Kiam ni malsatis ni manĝis, kaj ju pli ni trinkis, des pli ni soifis. Ĉi tie ni ludis kartojn, tie bilardon aŭ pikludon, regalis laŭvice post ĉiu regalo de la trinkejestroj. Ni estis bonhumoraj kaj ne pensis pri laboro aŭ ĉiutagaj zorgoj. Iĝis tagmezo. Iĝis kafotempo, iĝis vespero, sed nek Tist, nek mi, parolis pri hejmen-reiro.

Ni amuzis nin je la Perdita-Lundo-festantoj, kiuj ŝanceliĝis tra la stratoj,nin tenis kiel eble plej rekte kaj fine alvenis en «La Bonveno»,kie ni komencis klaĉadi pri politiko. Politiko estas danĝera afero; oni scias kiam oni komencas pri tio, sed oni ne scias kiam oni finos. La ĉiutagaj klientoj daŭrigis interdisputi ĝis frumatene, ĝis ili sentis dormemon aŭ pensis al sia edzino. Ĉe multaj certe eksplodis egaj kvereloj, ĉar la virinoj ne komprenas ke ni povas diskuti tutan nokton pri politiko. Mia edzino almenaŭ, kiu estas tre komplezema, malŝatas tiajn politikajn kunvenojn.

La stratlanternoj estis jam estingitaj kiam ni venis en la straton. La amikoj iris dekstren kaj maldekstren, nur Dre, cigaristo, ne forlasis nin kaj ja ĉiam ripetis sian laŭdadon pri la «sindikato de l' cigaristoj».

— Kien ni iros, demandis mi, por ĉesigi la tedaĵon de Dre.

Ni vidos kie estas ankoraŭ malfermate trinkejo, diris Dre, tiam ni povas daŭrigi pri la sindikato.

— Mi iras Parizon, decide diris Tist, mi enuas ĉi tie.

— Venu do, al Parizo, respondis mi, opiniante ke estis ŝerco, kaj ni iris al la stacidomo.

— Dre, ĉesu nun, diris Tist, estas vi kiu igis min enui, mi iras Parizon por nenion plu aŭdi pri ĝi.

Dre konfuze silentis kaj mi sentis min tro laca por diri ankoraŭ ion. Tagiĝis kiam ni alvenis apud la stacidomo.

— Konduku min al la vagonaro, diris Tist.

— La farso nun sufiĉe longe daŭris, opiniis mi, ni ja iru dormi nun... Ni ne plu devas timi litpredikon.

— Ne, diris Tist, mi iras Parizon.

Li rekte marŝis, aŭ pli bone, li ŝanceliĝis iomete kiel ni, ĝis la giĉeto kaj revenis kun bileto. Ni ne povis kredi niajn okulojn, aĉetis perono-bileton de dek centimoj kaj sekvis lin. Baldaŭ forveturonta vagonaro staris preta. Tist rampis en ĝin, donis la manon al ni tra la fenestreto.

— Adiaŭ, amikoj, diris li... Sus, salutu mian edzinon kaj diru, ke mi forveturis Parizon... Dre, kamarado, mi tute ne koleras kontraŭ vi, kvankam vi forpelis min.

Ni ambaŭ subite malebriiĝis kiam la vagonaro forveturis kaj ni en la malproksimaĵo vidis Tist svinganta sian ĉapelon. Mi kunprenis Dre hejmen por trinki kafon. Li ne parolis pri la sindikato kaj mi neniam plu aŭdis lin paroli pri ĝi... Mia edzino ŝajnis malbonhumora kaj skuis la kapon, kiam mi rakontis al ŝi ke Tist forveturis Parizon.

— Ebriulaĵoj, diris ŝi malŝate sed tamen daŭrigis, ke ni devas averti la edzinon de Tist.

Ne estis gaja komisio! Per malviglaj piedoj ni iris al la butiketo en la Herbejostrato. Siska staris malantaŭ sia butiktablo. Ŝi eĉ ne mire rigardis.

— Estas per mia kulpo, lamentis Dre, pro tedado pri la sindikato.

— Kio? demandis Siska.

— Tist forveturis Parizon, flustris mi.

— Parizon?

— Jes, Parizon.

— Li jam delonge deziris lerni francan lingvon, senkulpigis la anĝela virino.

— Mi devas fari al vi komplimentojn. Sed nun mi demandas min mem, ĉu li ja havis monon por la vojaĝo.

— Mi ne kredas ĝin, diris Siska, almenaŭ ne sufiĉe por forresti longe kaj bone lerni francan... Tio estas bedaŭrinda por Tist, ĉar oni ne havas ĉiutage tian okazon.

Je tiu momento virino venis por aĉeti sapon, kaj ni profitis tion por foriri.

Mi tute ne sentis min trankvila dum la sekvontaj tagoj, mi ofte pensis al Tist kaj al Siska. Volonte mi estus ironta al la Herbejostrato por novaĵo, sed mi ne kuraĝis.

Du semajnojn post forveturo de Tist la poŝtisto alportis al mi leteron el Parizo. Vi povas pensi kiel ĝoja mi estis ricevi novaĵon pri mia bona amiko.

Li estis alveninta malebria kun nur dekdu frankoj en la poŝo.

Ne estis facile elembarasigi sin. Li komprenis eĉ ne unu vorton de tio, kion la Parizanoj parolaĉis, devis per signoj mendi manĝaĵon kaj loĝadon en malgranda loĝejo. Post ripozado li ekpromenis tra la stratoj kaj bulvardoj. Sur benko en ĝardeneto, li pripensis malĝoje sian stultaĵon Apud li sidis viro, fumanta sian pipon, sin tute ne okupante pri li. Li ŝajnis tiel afabla kaj tiel fidinda, ke Tist volonte plendus sian mizeron al li. Sed france! Tiam li kolere blasfemis en sia gepatra lingvo. Se vi estus vidanta kiel ridis la viro! Je la miro de Tist li ŝovis sin apud li, etendis ĝoje la manon al li kaj diris:

— Vi ankaŭ estas Antverpenano!

Tist elverŝis sian koron kaj la samurbano helpis lin el la mizero, kondukis lin al sia ĉambro en la antaŭurbo St. Antoine kie loĝas multaj Flandroj. Nun li ricevis laboron de sia amiko. Li lernis francan lingvon,

laborus ĝis la ŝuldo al sia amiko estus kvitita. La amiko estis fidelulo, ŝuisto kiu estis veninta por pliperfektigi sin en sia metio. Parizo estis admirinda granda urbo, revo, io kion oni devas esti rigardinta se oni volas paroli ankaŭ pri la mondo. Tist petis min transdoni salutojn al sia edzino kaj Dre.

Mi rapidis al Siska por montri al ŝi la leteron. Trankvile ŝi legis kaj diris dum ŝi refaldis la paperon :

— Dio estu dankata ke Tist trafis tiel bonan sorton.

— Siska, diris mi, Siska, ĉu ne estus bone sendi monon al Tist por reveni.

Ŝi mire rigardis min, respondis tiam tute konvinke :

— Sed Sus do! Tute ne... Estus domaĝe se ni interrompus lin dum lia studado!... Eble li malĝojiĝos pro tio.. lasu lin trankvile lerni la francan lingvon.

Siska estis unu virino el mil. Mi sincere admiris ŝin.

Ses monatojn poste mi ricevis poŝtkarton de Tist, ĉi tiun fojon france skribitan. Estis simple salutoj al la amikoj kaj al Siska. Li preskaŭ forgesis sian flandran lingvon, skribis li, li bone fartis, sed ŝpari monon por veni Antverpenon tio ne estis ebla. Oni ne povis ŝpari en urbo kiel Parizo. Siska bonege komprenis la skribaĵon de Tist.

— Nun kiam li konas la lingvon li devas pristudi la homojn, ŝi opiniis, kaj ŝpari kaj vidi la mondon ne iras kune. Mi nur esperas ke li ne tute mallernos sian flandran lingvon ĉar tiam mi ne komprenos lin, kiam li revenos.

Dufoje, ĉiam je novjaro mi ankoraŭ ricevis karteton kun salutoj al la amikoj kaj la edzino.

Fine, neatendite, post forestado de du jaroj kaj ses semajnoj, Tist revenis. Li antaŭavertis neniun kaj neniam li rakontis kial li revenis. Sed vespere, en «La Bonveno» li rakontis al ni sian alvenon nejmen. En la krepusko li venis tra la butiko en la kuirejon, kie lia edzino flikas ŝtrumpojn.

— Ĉu la kafo estas preta? demandis Tist.

Kaj Siska respondis seke sed tute laŭkutime :

— La akvo jam delonge bolas!

El flandra lingvo,<br>kun afabla permeso de l' aŭtoro,<br>tradukis JAN VAN SCHOOR.

# Libera Parolejo

## MI PETAS ESPERANTAN LECIONON

Antaŭ kelkaj jaroj mi pensis prave aŭ malprave mi verŝajne ne estas modesta-, ke mi sciis iom pri la lingvo Esperanto, ke mi eĉ kapablis ne tro malbone uzi ĝin, parole aù skribe. Kaj kiam, en tiu tempo, mi tralegis ĵurnalon aù libron, la vortoj uzataj en ili ŝajnis al mi kutimaj, kvazaù malnovaj amikoj. Kaj tiu granda kvalito de nia lingvo, ĝia neŝanĝebleco, ŝajnis al mi garantiaĵo pri ĝia fina venko.

Nun, kiam mi legas Esperantan ĵurnalon (°), mi sentas kvazaŭ mi estus fremdulino; la vortoj kaj mi ne plu estas malnovaj konatoj. Kaj sinsekve mi ruĝiĝas, mi kapvarmiĝas, mi indignas, pri la uzurpuloj, aŭ mi malgajiĝas pri mia propra nescio. Ĉu mi do ne plu scias Esperanton? Ĉu mi ne kapablas iri kune kun la progreso? Oni parolis kelkfoje pri «natura evoluado» de la lingvo. Eble estas tiu «evoluado», kiu nun, subite, senbezone, anstataŭigas dekojn kaj dekojn da niaj bonaj malnovaj vortoj, tiuj kiujn uzis nia Majstro, per aliaj, elprenitaj el ia ajn natura lingvo, kiuj venas senutile pligrandigi la nombron de la Esperantaj radikoj.

Mi trovas nun **pitoreska** anstataù PENTRINDA, **konekso** antataù RILATO aŭ KUNLIGO, **kavo** anstataŭ KELO; KOMERCO aŭ NEGOCO fariĝis **merkato**; PROVIZO, AMASO estas **stoko**; urbo estas nun **situanta** anstataŭ LOKITA aŭ KUŜANTA; DAŬRE, SENĈESE, SENHALTE, KONSTANTE fariĝis **kontinue**; personoj, kiuj ELIĜIS, FORIĜIS el movado, aŭ FORLASIS ĝin, nun **retiradas sin**, kaj FLORADO (la stato, la tempo, kiam la vegetaĵo floras -vidu Kabe), estas nun **floro** (kolora parto de vegetaĵo, k. t. p. Kabe), kompreneble ankaŭ en figura senco. Oni nun **noktas**; en mia tempo oni TRANOKTIS, aŭ NOKTLOĜIS, aŭ PASIGIS LA NOKTON. DUME aŭ INTERTEMPE farigis **interdume**. Mi ĝin nomas pleonasmo.

Mi estas senkuraĝigita, mi petas Esperantan lecionon. Mi deziras ke iu kompetenta amiko klarigu al mi, kial sur sama paĝo de sama aŭtoro mi trovas tiujn du formojn: «estigis baldaŭ pluan gravan rezulton» kaj: «ekestis baldaŭ plia grava entrepreno, kaj kial ni havas nun du patrolandojn: **Belgujo** kaj **Belgio**. Ĉu unu ne jam estis sufiĉa por ami kaj defendi?

Mi ne ŝercas. Tiu enŝoviĝado en nian lingvon de tiom da novaj vortoj kaj esprimoj ege ĉagrenas min, kaj ĉar mi ne povas ĝeni la Akademion per mia plendo, kiu eble estas nur kaŭzita de nescio, mi sincere petas ke tiuj, kiuj scias, bonvolu kvietigi min.

Maria ELWORTHY-POSENAER.

(°) Mi ne aludas «Belga Esperantisto».

# Diversaj Informoj

PETO!! S ro De Bosschere, la organizinto de la XIa belga kongreso ,tre ŝatus posedi (ni ankaŭ) la fotografaĵojn faritajn dum la kongreso en Sta Nikolao, kaj ĉefe tiun faritan antaŭ la domo de S-ro Scheerders dum la inaŭguro de la loka flago. — Oni sin turnu al S-ro De Bosschere, 3, Regentieplaats St Nikolaas; li interŝanĝos tiujn bildojn kontraŭ 6 poŝtkartoj de la kongresanoj.

INTERNACIA KOMERCA REVUO estas anstataŭita de nova monata gazeto, kiu elektis la formaton de ĵurnalo : «Internacia Komerco». — Ĝi aspektos tute komerce kaj tre moderne. Nia lerta samideano S-o Hj. Unger redaktos ĝin kun konata sperto. — Adreso por senpaga specimena numero : «Internacia Komerco», en Lausanne (Svislando) St. Luce, Petit Chêne.

Samtempe oni informas nin, ke la malnovaj abonintoj de «I. K. R.», kies abono ne ankoraŭ finiĝis, ricevos anstataŭe «Internacian Komercon»

POPOLA BIBLIOTEKO DE ANTVERPENO, Blindenstraat, 19, rue des Aveugles, ESPERANTA SEKCIO «N» : Por pruntepreno de libroj la biblioteko estas malfermata dum la tuta jaro, la kvin unuajn tagojn de la semajno, de la 10a ĝis la 3 1/2a h., sabate de la 9a ĝis la Ia, dimanĉe de la 9a ĝis la 12a. Krom tio, dum la monatoj oktobro-aprilo, la kvin unuajn tagojn de la 6a ĝis la 8a vespere. La legejo estas alirebla la kvin unuajn tagojn de la 9a ĝis la 4a ; sabate, dimanĉe kaj dum la vintraj monatoj je la samaj horoj kiel la servo de la pruntdonado.

LA POLICISTO, tutmonda organo de la Policistaro kaj de la Ordo, denove regule aperas, kun tre interesa enhavo por la fakuloj. La Redaktoro kaj eldonanto estas nia malnova samideano Aŭgusto Marich, Reĝa Polica Ĉefinspektoro, Ullöi-ut 59. IV. 8., Budapest IX (Hungarujo). — La belgaj policistoj-Esperantistoj, kaj aliaj interesuloj, kiuj deziras ricevi informojn pri la organizaĵo de la Policistaro, specimenon de la suprecitita gazeto sin turnu al la delegito en Belgujo : S-ro H. Derweduwen, Polica Oficiro, Van Luppenstraat, 73, Antverpeno.

LA UNUA KONGRESO DE LA BRAZILAJ KOMERCAJ ASOCIOJ, kunveninta en Rio de Janeiro decidis konsili la instruadon de Esperanto en la komercaj lernejoj kaj la uzadon de tiu helpa lingvo en la rilatoj kun la eksterlandaj komercaj ĉambroj.

LA DUA AMERIKA KONGRESO DE EKONOMIA DISVASTIGO KAJ KOMERCA INSTRUADO ĵus okazinta en Rio de Janeiro, unuanime rekomendis la instruadon de Esperanto en la Komercaj lernejoj.

GRATULO

S-ro Kapitano **Emile Lambrecht**, membro de la Bruĝa Grupo Esperantista, ĵus akiris la oficiran krucon de Tunizia ordeno de Nicham Iftiskhar.

# La Domenoludo

Pri la origino de tiu ludo, kiu jam de kelkaj jaroj estas tiel ŝatata ĉe ni, ekzistas diversaj opinioj.

Franca verkisto ŝovas la originon ĝis la 16a jarcento.

Du petolemaj monaĥoj — li skribas — de l' famkonata monaĥejo de la monto Casino, estis pro peko kontraŭ la reguloj enŝlosataj en karcero de malliberejo.

Por pasigi la tempon, ili elpensis ludon per malgrandaj kvadrataj ŝtonoj (eble kreto) )sur kiuj ili faris nigrajn punktojn. Tiujn stonojn ili metis laŭ certa sekvordo, kaj la kalkuloj, kiujn tiu ludo necesigis, okupis je agrabla maniero ilian spiriton.

Ĉar le estro de la monaĥejo spionis ilin, ili decidis ke kiam ili aŭdus liajn paŝojn en la koridoro ili dirus laŭtvoĉe la unuan vesperpsalmon : — «Dixit — Dominius — Domino», — kaj ĉar tiuj estis la nuraj vortoj kiujn ili konis memore ĉiam ili haltis je la vorto Domino. Tiu senĉese ripetita vorto restis kaj ili nomis sian novan temppasigilon: la Domenoludon.

Post ilia liberigo, kiam iliaj iradoj rekomenciĝis, ili instruis tiun ludon al la Italoj, al kiuj ili vendis la necesajn ŝtonojn.

Tiamaniere tiu ĉi ludo, kiu ne enhavis multon da malfacilaĵoj por la mallaboremaj «Lazaroni» (petoluloj) disvastiĝis pli kaj pli, kaj fariĝis iom konata sub la nomo kiun donis al ĝi la monaĥoj.

Oni fabrikis poste la ŝtonojn el ligno, eburo, k.t.p. kaj perfektigis la ludon pli kaj pli.

Estis nur je la mezo de la antaŭa jarcento, ke ĝi aperis en Parizo, kaj ĉar ĝi plaĉis multe al la francoj, ĝi fariĝis rapide ĝenerala.

La Angloj ne multe ĝin ludas. Francujo estas la lando, kie oni multe eĉ plej multe ludas la domenoludon. En ĉiu kafejo, eĉ en la plej malgranda vilaĝtrinkejo oni trovas tiun kvietan temppasigilon.

El Flandra lingvo tradukis M. Soete.

## AŬTONOMA MUZIKNOTADO

Du bonegaj artikoloj pri la A. M. N. aperis, la unua en «Esperanto Triumfonta» (N° 105, de 8a de okt. lasta), la dua en la grava flandralingva ĉiutaga «Gazette van Gent» (de 6a de dec. lasta). Ĉi tiu lasta artikolo estis ilustrita per du tre interesaj kliŝoj, kaj ĝi certe multe efikos inter la gelegantoj de tiu disvastigita ĵurnalo.

Sekve de tiuj artikoloj diversaj petoj pri klarigoj kaj pruvoj pri intereso estas ricevitaj.

La francelingva artikolo aperinta en la arta revuo «Gand-Artistique» havis ne-atenditan sukceson : S-ro Paul Otlet, la sindonema Sekretario de la Monda Palaco en Bruselo, juĝis tiun artikolon tiel grava, ke li petis ke ĝi estu reverkata en formo de grandaj tabeloj pendigotaj en la Monda Muzeo.

Klopodoj estas faritaj por la traduko de tiu artikolo en portugala lingvo.

Por alilingvaj tradukoj oni sin turnu al S-ro L. Cogen, 52, Dreef, Ninove (Belgujo), al kiu oni konigu ĉiujn novaĵojn pri la A. M. N.

# Bibliografio

PENSEROJ. Unua kajero, kompilis kaj tradukis Salo Grenkamp. Eldonis 1922: Oskar Ziegler & K-io, Marktredwitz (Bavarujo). 24 paĝoj: 14×10 cm. Prezo: 10 Gmk. + 100%. — Kolekto da proverboj, sentencoj, k. c. de plej famaj universale-konataj pensuloj. — La verketo estas rekomendita de Esp. Literatura Asocio.

KRIOJ DE L'KORO, de Salo Grenkamp-Kornfeld. Eldonis: 1922, «Esperantista Voĉo», Jaslo (Pollando). 32 paĝoj 16×10.5 cm. Prezo: Gmk. 30.— + 100%. Dudek kvin bonaj originale verkitaj versaĵetoj.

KONGRESA LIBRO okaze de la XIVa universala Kongreso de Esperanto kaj VIIIa Kongreso de Universala Esperanto-Asocio, Helsingfors 8-16 aŭg. 1922. Eldonita de la Loka Kongresa Komitato. Ilustrita. 120 paĝoj: 18×12,5 cm. Prezo nemontrita.

Tiu kongreslibro faris certe grandegajn servojn al la kongresintoj en Helsinki, ĉar ĝi estas nediskuteble praktike kaj plej zorge kunmetita. Ni ne timas diri, ke ĝi estonte estos uzata kiel ekzemplo por la farado de tiaj dokumentoj.

CATALOGUS van de Boekerij van den Algemeenen Diamant bewerkersbond van België, Plantin-Moretuslei 66-68, Antwerpen; Bijvoegsel B; 1922-1923. 144 paĝoj 15×12,5 cm. Prezo nemontrita.

Tiu aldono enhavas denove 12 paĝan Esperanto-parton kun la titoloj de la lasttempe akiritaj eldonaĵoj en nia lingvo.

**STRANGA HEREDAĴO,** Romano originale verkita de H. A. Luyken. Eldonis 1922 : Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto-Fako, Leipzig. 324 paĝoj, 19,5 x 13 cm. Prezo : Mk. 300.— + 100 %.

Tre interesa nova produkto de unu el la unuaj originale en Esperanto verkintaj aŭtoroj. Kiu konas la jam antaŭe de tiu samideano eldonitaj verkoj tute ne miros, kiam ni rekomendas tiun novan libron al ĉies atento. La temo estas plej alloga kaj diversfaka ; la stilo estas perfekta kaj la lingvo plej fundamenta.

**TRANSMARA REVENO DE ĈEĤOSLOVAKAJ LEGIOJ EL SIBERIO ĈEĤOSLOVAKUJON,** eldonis « Pamatnik Odboje » en Praha 1921, helpe de « Bohema Esperanto-Servo »; 122 paĝoj, 35 x 25 cm. ; Prezo ĈKr. 140.

Belega albumo kun 230 fotogravuraĵoj pri la vojaĝa ĉirkaŭ la mondo, kiun faris la ĉehoslovakaj legioj batalintaj en Ruslandon. Klariga teksto de Dr. F. Steidler, estas bonege tradukita de inĝ. L. Berger. La bildoj estas arte presitaj sur luksa papero. Mi ne kapablas fari pli grandan laŭdon pri tiu albumo, ol dirante, ke ĝia eldono entute estas granda sukceso ! Ĉiu vera libramanto deziros posedi la libron, kaj mi eĉ kuraĝas diri, ke ĝia loko estus en ĉiu lernejo.

F. D.